Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

13/07/2012 sesdekunua Eldono 2012 15/07/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

# AEA prizorgas la hereditan monon de mortintaj malavaraj Esperantistoj Do la balotado tre gravas

## La Aŭstralia Esperanto Asocio prizorgas kiujn?

**Ĉu ĉiujn esperantistojn Aŭstraliajn, ne nur iun riĉan, amikeman, komplezan, dediĉeman, malgrandan grupon kiu pagas altan kotizon?**

**Legu pri la kandidatoj. Pensu zorge.**
**Ĉi voĉdono estas tre grava. Aliĝu al AEA**

## La nuna Estraro de AEA (sep direktoroj)

### GRUPO UNUA

**Dianne Lukes** | Prezidanto
**Suzanne Corry** | Financa **Direktoro**
La nomo Corry ne estas sur la AEA membrolisto de 2011/2012.
Suzanne rifuzis konfirmi al Nicole kio estas ŝia nuna familia nomo.
**Yaw Ampomah Badu**| Dir de Utiligado **ne** estis membro de AEA

dum 2011-2012, finfine demisiis

**Jennifer Bishop** | Dir de Edukado ne estas kandidato

**Richard Delamore**| Dir de Informado letero AE52 59 ne estas kandidato

**Crystal Hill** | Dir de Membraj Servoj letero AE53 54 ne estas kandidato

**Kam Lee** | Administra Direktoro vidu la duan grupon de kandidatoj sube

Kiu estas la nuna sekretario de AEA? Temas pri Steve Pitney. Laŭ la nova statuto la estraro elektas la sekretarion de la kompanio, ne la membroj informis, Nicole

## Ĝisnunaj kandidatoj por la nova estraro 2012-2014

### GRUPO DUA

| | | |
|---|---|---|
| Sandor Horvath | Prezidanto | vidu AE50, 57 |
| Gordon Coleman | Edukado | vidu AE50, 51 54 55 57 59 |
| Indrani Beharry-Lall | Financoj | vidu AE50, 57 |
| Kam Lee | Administrado | vidu AE50 |
| Heather Heldzingen | Servoj | vidu AE59 |

### INDIVIDUOJ SENDEPENDAJ

| | |
|---|---|
| Magaret Chaldecott | Informado? |

## Margaret Chaldecott.




Mi eklernis Esperanton en Londono, antaŭ ol mi komencis hejmenveturi ŝipe. Kun malgranda skribmaŝino, mi ekkreis alfabetan vortliston uzante tiujn vortojn kiujn mi lernis per French's Grammar.
Tuj post kiam mi alvenis hejme, mi kontaktis la Sidnejan Esperantan Societon.
Tie, helpata de Tom Elliott, mi laboris pri Telopeo.
En la jaroj ekde 1964 mi estis sekretario, prezidanto, kasistino en kaj SES kaj NSKEF, kaj helpis pri Libroservo.
Mi ĉeestis UKojn en Islando, Aŭstrio, Ĉinio (du-foje), Brazilo, Norvegio kaj Kubo.
Intertempe mi preparis vortliston por viro kiu tiutempe loĝis kaj laboris en Interna Mongolio. Li venis al Sidnejo, kaj nun estas ano de la Federacio. La listo temis pri vortoj kiuj aspektas simile sed havas tute malsimilajn sencojn. Mi sendis tiun teatraĵeton al la unua UK en Brazilio, kie mi gajnis premion (la 4an, iom ekster la kutima 3a).

Pro tio, Josip Pleadin metis mian nomon en sian libron *Ordeno de Verda Plumo*.
Mi estis ano de UEA dum pli ol 40 jaroj, kaj pro tio ricevis dank-ateston. Ek de eble 10 jaroj mi estas Honora Membro de AEA.
Mi pretas akcepti iun ajn postenon - krom Prezidanto. Margaret

## Ĉu la 2011/2012 AEA membroj rajtas voĉdoni? Ne?
## Ĉu nur 2012/2013 AEA membroj rajtas voĉdoni? Jes?

**Kiu povas respondi? Kiu volas respondi?** rspring@tpg.com.au

http://www.esperanto.org.au/aea/official-documents

Ligiloj al statuto, protokoloj, ktp ne funkcias 11/7/12
Mi deziras legi la leĝajn regulojn pri kelkaj agoj de AEA
Ĉu mia komputilo malfunkcias? Roger

Baldaŭ aperos la nova libro de Trevor Steele "Paradizo ŝtelita". Informis Flandra Esperanto-Ligo.
http://www.ipernity.com/doc/flandra_esperanto-ligo/13002266/in/album/36858?lg=eo&hash=9f66bd249c6c63d85673f398e14a9e2e
Amike, Nicole

Kara Nicole,
"Paradizo ŝtelita" temas pri la formorto de la tasmaniaj aborigenoj.
Mi donos tri prelegojn pri la sama temo en Hanojo kadre de IKU.



La romano koncentriĝas pri la lastaj jardekoj de ankorau vivantaj aborigenoj, kaj ĉefe pri la agado de George Augustus Robinson, la blankulo, kiun la aborigenoj fidis kaj kiu akcelis la ekstermadon de tiu popolo.



Amike, Trevor

# BookBox rakontoj

Karaj samideanoj

Sur la oficiala retejo de BookBox http://www.bookbox.com/ vi nun povas elekti Esperanton (en la skatolo post Change language) kaj spekti 9 rakontojn.




Mi mem tradukis la 9 rakontojn. La rakontoj estas laŭtlegataj de diversaj personoj, 3 el ili estas aŭstralianoj el Sidnejo, unu estas usona.
Amike, Nicole

## GRAVAJ DATOJ (se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

**Esperanto** havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

Kara Legantoj
Mi ĵus ricevis mesaĝon de Amri Wandel, kiu skribis, ke parto de la filmo The Universal Language estos montrita ĉe israela televido. Krom sendas Nicole

Karaj geamikoj,

Okaze de la 125-a jubileo de Esperanto, la prestiĝa televida programo "Roim Olam" elsendos parton de la filmo "La Universala Lingvo" de Sam Green, kiun Gian Piero Savio kaj Amri Wandel subtitoligis hebree tiucele. La elsendo okazos en la unua kanalo, plej verŝajne sabatvespere la 21an de Julio. Specimenon eblas spekti en http://www.youtube.com/watch?v=4-TdLoaEDBM

La sama programo, ech la sama raportistino (Tova Biala), verkis antau 12 jaroj bonegan raportaĵon pri la 85-a Univesala Kongreso en Tel Avivo. Okaze de la nova kunlaboro ili promesis al ELI enretigi la tiaman raportaĵon, kie videblas i.a. Humphrey Tonkin, Glauco Pompilio (KKS en 1967), Barbara Pietrzak, Geraldo Mattos, Gbeglo Koffi, Amri Wandel, Josi Shemer kaj aliaj.
http://www.youtube.com/watch?v=VtRDIqya5rw
Amike, Amri

Saluton Roger!
Jen, alkroĉaĵo por via gazeto. Espereble vi povos daŭre eldoni la novaĵdonilon.
Amikajn bondezirojn, Jennifer



Saluton al ĉiuj amikaj esperantistoj aŭstraliaj. Mi simple volas informi vin ke bedaŭrinde mi kaj Alan ne povos ĉeesti la AEA Kongreson kaj Jarkunvenon en Brisbano pro nia tro proksima reveno el Britio. Tamen ni deziras al ĉiuj membroj kaj inter ili estrarkandidatoj amikan kunestadon kaj agrablan diskutadon antaŭ glata kaj fruktodona Jarkunveno. Estis por mi privilegio tiom longe servi vin kiel estrarano, tiel la 1an de Oktobro vi sidos forte en mia pensado. Sincere via, Jennifer Bishop




Poŝamiko

Memoriloj ~ bildvortaroj por komencantoj el la metiejo de

edukado.net

Korpopartoj
paĝo 30